# BELGA ESPERANTISTO

DUMONATA REVUO

42a JARO DECEMBRO 1950

OFICIALA ORGANO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

*Asocio sen profita celo, tute sendependa de partiaj agadoj.*

*SOCIA SIDEJO : 19, avenuo Montjoie, Bruselo.*

**1950 - nº 6 -**

Voor alle inlichtingen over Esperanto · Pour tous renseignements au sujet de l'Esperanto :

— 178, Peter Benoitlaan, Merelbeke (Gento) —

# 1950 - 1951

Per tiu ĉi kajero ni finas la nunan jarkolekton. Ĝi estas okazo iom rerigardi al la finiĝanta jaro.

La bele sukcesinta Belga Kongreso en Spa, la brila Universala Kongreso en Parizo estas mejloŝtonoj en nia Esperanta vivo. Malgraŭ la malproksimeco, multaj belgaj esperantistoj faris la vojaĝon al Spa; kvankam nia malnova pioniro S-ro Desonay preskaŭ sola aranĝis la kongreson, ĉiuj eroj de la programoj bone disvolviĝis.

Dum tiu kongreso estis starigata la bazo sur kiu restariĝas nia junulara sekcio, kiu alportos al nia ligo la novajn fortojn kiujn ĝi bezonas..

La Universala Kongreso en Parizo montris plian disvolviĝon de nia movado; tra ĝi blovis nova spirito, kiu certe alportos novajn progresojn.

Tiu pasinto entenas promesojn por la estonto.

Ni baldaŭ denove festos la datrevenon de la kreinto de nia movado, D-ro Zamenhof. Ĝi estu okazo por la grupoj rememorigi la spiriton de homaranismo kiu gvidis lin tra ĉiuj malfacilaĵoj, trans ĉiujn barojn, esperante ke lia verko alportos al la homaro pli helan estonton.

Tiu Zamenhofa tago estu samtempe Tago de la Libro; ĉiu Esperantisto sentu sian devon aĉeti almenaŭ unu esperantan libron. Belga Esperanto Instituto kaj Belga Ligo disponas pri diversaj libroj, kiujn ili volonte disvendos je tiu okazo.

Samtempe Belga Ligo Esperantista faras alvokon al ĉiuj por ke ili plej baldaŭ havigu al ĝi la monrimedojn necesajn por la agado dum la venonta jaro. La Ligo nun regule funkcias; ĝia administrado estas akurata, ĝi regule propagandas, Belga Esperantisto aperas senprokraste. Por ĉio tio, mono estas necesa, kaj ĝi devas veni de la regula pagado de la kotizoj.

Niaj legantoj bonvolu do pagi sian kotizon al la grupa kasisto aŭ rekte al la liga poŝtĉekkonto, laŭ tarifo presita sur la lasta paĝo de tiu ĉi gazeto. Ili ankaŭ pripensu ke samajn taskojn efektivigas U. E. A. sur la internacia kampo, kaj ke ĝi ankaŭ bezonas monrimedojn. Aliĝo kiel individua membro, aliĝo en pli alta kategorio estas taŭgaj rimedoj por montri al U. E. A. ke ankaŭ ĝia laboro estas ŝatata.

Dum la jaro 1951, okazos en Bruselo la 35a Belga Kongreso. L. K. K. jam pripensis diversajn aranĝojn, kiujn ĝi konigos en la venonta kajero de la gazeto. Bruselo estas la ĉefurbo, ĝi estas facile atingebla. Impona honora kolono jam certigis la sukceson de tiu kongreso. Sen ia dubo multaj aliaj samideanoj deziras partopreni tiun jaran feston. Ili do ankaŭ sendu sian aliĝon.

**BONVOLU REPAGI VIAN KOTIZON !**

Dum la monato Aŭgusto 1951 okazos en München la 36a Universala Kongreso. Kelkaj ŝajne miris pri la elekto de tiu kongresurbo. Estas vere ke multajn malagrablajn rememorojn konservis multaj el ni pri la dummilitaj jaroj, kaj ili instinkte havas malŝaton al la popolo kiu respondecas pri niaj suferoj.

Ni tamen ne kulpigu niajn germanajn samideanojn pri agoj de reĝimo kies viktimoj ili estis, same kiel ni.

Ni helpu ilin en la restarigo de nia movado en ilia lando; multnombra eksterlanda partopreno en la kongreso en München estos plej bona maniero plifortigi la Esperantan Movadon en Germanujo; la landoj en kiuj povas nuntempe libere disvolviĝi nia movado ne estas tiom multaj, ke ni propravole eligu landon gravan pro sia kontribuo al la progreso de Esperanto dum pli ol duonjarcento.

Ni firme esperas ke la belgaj esperantistoj ne haltigos nian laboron, kaj ke per plej rapida aliĝo ili havigos al niaj diversaj instancoj la armilojn kiujn ili bezonas por daŭrigi la batalon kiu, iun tagon, certigos la ĝeneralan enkondukon de Esperanto. En tiu espero ni prezentas al ili niajn plej korajn bondezirojn por la nova jaro, iliaj personaj entreprenoj estu sukcesplenaj same kiel ilia poresperanto laboro.

P. KEMPENEERS.

---

## HEROLDO DE ESPERANTO 30JARA

Heroldo de Esperanto ĵus festis sian 30an datrevenon.

Dum 30 jaroj, gvidata de sia ĉefredaktoro, nia fidela samideano Teo Jung, ĝi batalis por nia afero, kaj travivis multajn malfacilaĵojn.

Senlaca optimismo sukcesis teni ĝin vivanta; la nuna tempo esperigas novan disvolviĝon.

Kun tiu ĉi kajero ni dissendas prospekton. Ĝi donas ĉiujn necesajn informojn al tiuj, espereble multnombraj, kiuj deziras havigi al si tiun gazeton.

---

## H. MOY THOMAS MORTIS

La 2an de Novembro 1950, en sia 86a jaro, mortis H. Moy Thomas, U.E.A. delegito de Londono.

Kiu belga samideano ne memoros pri tiu fidela vizitinto de niaj naciaj kongresoj ! La lastan li ĉeestis en 1949, en Bruĝo, lia restadejo preferita, dum libertempo.

Dotita de neŝancelebla sano kaj de firma optimismo, aĝa iam pro la jaroj sed neniam pro la sentoj, li restis, ĝis en siaj lastaj tagoj, nelacigebla pilgrimanto tra Esperantujo. Ĝojige efikis lia apero kiam foje li estis gasto de unu el niaj grupaj kunvenoj. Aŭtoro de afablaj melodioj, li ilin kantis mem, sin akompananta per gitaro :

« Ĉarmulinon mi renkontis ĉe kongreso... »

Forviŝu viajn larmojn, aminda « Kongresanatino ». Nur per rideto ornamis vin via kreinto. Pripensu ke eĉ la nigra diino, kiu disponas pri niaj vivoj, kondutis humane kontraŭ nia amiko, ŝparanta al li longan suferadon. La tempon tranĉi la fadenon... kaj jen restas sur lito nur senmoviĝinta korpo.

Kaj tiu mistera « io », kiu donis al ĝi varmon kaj kapablon, forflugis, kun la lasta spiro, al iaj elizaj kampoj, ĉeestonte la eternan kunvenon de la justuloj.

* * *

Niaj pensoj ŝvebu serenige ĉirkaŭ la vivkunulino, kiu restas sola.

Ŝi bezonas konsolon; ne plu la mortinto.

H. CASTEL.

---

## HO VE !

*Mi rigardis vian kolon kaj divenis*
*Kiel milda devas esti via haŭto.*

*Mi rigardis vian manon kaj divenis*
*La agrablon de la via la kareso.*

*Mi rigardis viajn lipojn kaj divenis*
*Kiel arda devas esti via kiso.*

*Kaj la viajn la okulojn mi rigardis,*
*Ili havis por mi ne eĉ etan flamon.*

*Cindron en la mian koron mi tuj ĵetis,*
*Ho ve ! por estingi naskiĝantan brulon.*

*Louis GENIN.*

## JE L'HONORO DE NIA PREZIDANTO

**Bela festeno kunigis multajn amikojn.**

Estas jam tradicio, ke la jarfesteno de la Brusela sekcio de nia Belga Ligo, iĝu iom pli ol loka okazaĵo.

Ĉiam, el aliaj urboj ĉeestas geamikoj kaj speciale la Antverpena grupo « La Verda Stelo » sendas al ĝi gravan kunsidontaron kaj, tiun ĉi jaron, ili vojaĝis Bruselen deknaŭ-ope.

Aliflanke, tiu festeno estas ĉiam okazo por festi iun el la plej meritplenaj membroj, kaj la fakto ke, tiun ĉi fojon, oni elektis nian Ligan Prezidanton D-ron Kempeneers venigis el aliaj lokoj ankoraŭ pliajn samideanojn, inter kiuj S-ro Desonay, el Spa, kaj S-ro De Kegel, el Charleroi; dum multaj aliaj, kiuj estis malhelpataj ĉeesti, sendis telegramojn kaj leterojn por honorigi la festaton.

La festeno, kiu okazis sabaton, la 21an de Oktobro, estis organizata en la unua-etaĝo salonego de Hotelo « Moulin d'Or », kiu estis bele ornamita kaj en kiu la lerte starigitaj tabloj tuj jam altiris la rigardon.

Ĉe la honortablo, lokoj estis, — ambaŭflanke de S-ro Castel kiu prezidis, — rezervataj, dekstren, al F-ino Obozinski, D-ro P. Kempeneers, S-ino Plyson, S-ro Mathieux kaj S-ino Schoofs; maldekstren, al S-ino Kempeneers, S-ro Maurice Jaumotte, S-ino Staes-Vandevoorde, S-ro Desonay kaj S-ino Jaumotte.

Pri la menuo, ni diru ke ĉio estis perfekte en ordo, kiel ke ĉiuj estis en plej bonaj kondiĉoj, kiam temis pri la aŭskultado de la paroladoj kaj toastoj, kiujn oni ĉiam atendas ĉe la fino de festeno kaj kiuj estis, nun almenaŭ, plene meritataj. Ĉar ĉiuj komprenèble diris la laŭdon de la Belga samideanaro al tiu, kiu jam de 25 jaroj gvidas nian lokan kaj nacian movadon kaj ankaŭ, gravparte, la internacian.

S-ro Castel, nome de la organiza komitato kaj do fakte de la Brusela Grupo, diris la grandan simpation kaj dankemon de la gemembroj por D-ro Kempeneers, kiu ne nur estas la Prezidanto de la Ligo, sed kiu estas, — kaj preskaŭ daŭre estis dum la lastaj jardekoj, — la prezidanto de la Brusela Grupo.

Li transdonis al D-ro Kempeneers belan memoraĵon kaj al S-ino Kempeneers multkolorajn florojn.

S-ro Vanderstempel aldonis al tiuj oficialaj vortoj elkoventan esprimon de la persona amikeco, kiu ligas lin al la festato jam de la junaĝo, kiam ili kune iris al la lernejo. Li rediris al D-ro P. Kempeneers sian admiron kaj grandan simpation.

S-ro Jaumotte, nome de Reĝa Belga Ligo, alportis la saluton de la estraro, de la administrantaro kaj de la membraro de nia Ligo. Li memorigis la fulmotondran esperanto-karieron de D-ro Kempeneers, kiu preskaŭ de sia ek-esperantistiĝo akiris postenojn ĉiam pli gravajn, kaj ĉiujn plenumis, ne nur kun sia kutima zorgo, sed kun entuziasmo vere obstina.

Li speciale memorigis ke, de post la lasta milito, estis D-ro Kempeneers, kiu iniciatis la diversajn laborojn, kiuj, iom post iom, kondukis al la plena restarigo de la Ligo kaj de ties grupoj.

Poste ankoraŭ parolis S-roj Desonay, Bas kaj Verdier, tiu ĉi nome de la junaj esperantistoj, dum S-ino Staes kaj S-ino Schoofs, ankoraŭ aldonis, je l'honoro de S-ino Kempeneers, specialajn kortuŝajn vortojn, al tiuj kiujn la antaŭaj paroladintoj jam eldiris al ŝi, kiam ili toastis al G-roj Kempeneers.

Fine D-ro Kempeneers respondis, profunde emociita pro la alportitaj laŭdgarboj, el kiuj li speciale citis unu mallongan leteretọn de nia kara S-ino Elworthy-Posenaer, kiu skribis al li malgraŭ la malfacilaĵoj, kiujn ŝi devis venki por alporti al nia prezidanto sian valorplenan saluton en tiu festa tago.

Li larĝe faris la historion de la esperanto-vivo en nia lando dum la lasta kvaronjarcento; dankis ĉiujn pro la bonaj vortoj kaj pro la gratuloj kaj donacoj kaj promesis daŭrigi sur la bona vojo, kun la helpo de ĉiuj.

Kaj subite oni rimarkis, ke la tempo estis forfluginta tro rapide en amika rondo kaj ke estis tempo por multaj tuj forlasi salonon, en kiu ili partoprenis plene sukcesintan feston je l'honoro de iu, kiu ĝin plene meritis kaj kiun la

partoprenintoj dankeme ŝuldas al S-ino Plyson kaj F-ino Obozinski, kiuj prenis sur sin la tutan preparan laboron.

Ni havu multajn tiajn festojn ! Ni havu multajn okazojn por tiom meritita laŭdo !

M. JAUMOTTE.

---

## RIKOLTETO EL LA ESPERANTA GAZETARO

— En Brazilo oni estas ema al Esperanto : La Brazila Esperanto-Ligo fariĝis, jam en 1921, per registara dekreto, Societo de publika utileco. La Societo de Geografio eldonas esperante statistikajn dokumentojn. « Brazila Esperantisto » enhavas trafajn propagandajn redaktaĵojn en la portugala lingvo. Dum la jaro 1949 du Brazilaj urboj donis la nomon « Esperanto » al placo kaj bulvardo. La Esperanta Asocio de la ŝtato Rio Grande del Norte ricevis ankaŭ la titolon de Societo de publika utileco. La 12a Brazila Kongreso de Esperanto ricevis de la komunumo Belo Horizonte monan helpon de 30.000 kruzeroj. Kiam estos tiel en Belgujo ?

— « L'Esperanto », organo de « Federazione Esperantista Italiana », enhavas gravajn redaktaĵojn pri « Scienca ed Esperanto », kaj pri « Esperanto, Stenografio, Giornalismo »; en la esperanta parto de tiu revuo ni trovis tre atentindajn rimarkojn pri la lernado de Esperanto, kiujn oni povis resumi jene : Por fariĝi kompetenta Esperantisto ne kontentiĝu per unuagrada lecionaro : post ĝi relernu **la gramatikon de via gepatra lingvo, ĉefe la sintaksan parton,** kaj komparu ĝin kun Esperanto; tiel vi plilertiĝos en Esperanto kaj ankaŭ en via gepatra lingvo. (Esperanto estas demokrata latino.)

— La bela « Amerikan Esperanto Magazine » (Amerika Esperantisto), organo de E. A. N. A., sciigis ke laŭ peto de S-ro Benjamin Cohen, helpa ĝenerala sekretario de O. N. U., E. A. N. A. sendis al la departemento por Publika Informado de O. N. U. **milon** da ekzempleroj de la esperanta traduko de la « Universala Deklaracio pri la Homaj rajtoj »; O. N. U. dissendos ilin en la mondon.

— « New Zealand Esperantist » diskonigis tre trafan poresperantan paroladon de S-ro C. J. Adcock, profesoro ĉe « Victoria University College »; eble iam la Belgaj universitataj profesoroj ankaŭ parolos poresperante.

— Niaj Danaj, Norvegaj kaj Svedaj samideanoj povas esti fieraj pri siaj esperantaj revuoj (Dansk Esperanto-Blad, Norvega Esperantisto, Svenska Esperanto-Tidningen, Dia Regno). Ili estas bonaj kaj belaj, eĉ luksaj; la priskriboj kun bildoj, kiujn ili enhavas, allogas al tiuj pentrindaj landoj.

— « Esperanto en Skotlando » enhavas trafajn, eĉ amuzajn redaktaĵojn utilajn por propagando; bedaŭrinde ĝi estas tro ema al neakademiaj vortoj, ne necesaj, kaj nekompreneblaj por esperantistoj en diversaj landoj (bruska, finto, giri, gvati, morna, povra, damo (sinjorino), dupo, dura, fusilo, k.t.p.).

— El « Voĉo de Islando » : Belgujo ne posedas propran lingvon. La Islanda verkisto Grimur Thomsen (1820-1896) iam partoprenis diplomatan festenon en Belgujo; la medio, iom pedanta, ne plaĉis al li; al iu nobela ĉeestanto, demandinta kiun lingvon oni parolas en Belgujo, Thomson respondis : « oni parolas belge ».

— « La Interligilo » (22-jara) estas revuo diversfaka, ĉefe pri ĉio kio rilatas la transporton de homoj, varoj kaj ideoj (inkluzive la « telekomunikoj »). Tia revuo estas tre necesa ; Esperanto ja ne devas esti uzata nur por sendi de lando al alia amikajn salutojn; ĝi devas faciligi la rilatojn pri seriozaj aferoj ĉiuspecaj, kies speciala terminaro devas esti lernata. « La Interligilo » estas facile legebla, ĉar ĝi ne uzas tro specialajn sciencajn terminojn. (Por tiuj ĉi ekzistos « Scienca Revuo ».) Belgoj povas facile aboni al « La Interligilo » spezante unu dolaron al S-ro J. Cautaert, Uitbreidingstraat, Antwerpen (P. Ĉ. K. 5108.71).

— « Internacia Katolika Esperanto Kongreso » okazis en Romo de la 10 ĝis la 17a de Aŭgusto. La Papo akceptis la kongresanojn kaj salutis ilin esperantlingve (La Ponto).

## ESPERANTO KAJ KAMPISMO EN SPA

De la 28a de Julio ĝis la 7a de Aŭgusto, okazis en Spa la XIa Kunveniĝo Internacia de la Internacia Federacio de Kampismaj Kluboj.

Pli ol 2.300 personoj el 15 nacioj partoprenis tiun rendevuon kaj ĉiutage nia samideano Desonay, el Spa, parolis esperante per la mikrofono tra la kampo por voki la esperantistojn al amikaj kunvenoj kie oni diskutis pri seriozaj aferoj, poste kantis kaj deklamis.

La oficiala programo de la I. F. K. K. notis tri oficialajn Esperantistajn kunvenojn.

Sabaton la 5an de Aŭgusto, je la 21a okazis la lasta granda kampa fajro. Je tiu okazo la unua parto estis rezervita al la Esperantistoj kiuj ludis kaj kantis la Esperantistan Himnon; francaj, anglaj, nederlandaj, svisaj, luksemburgaj, danaj, italaj, svedaj, germanaj (Sarre), gesamideanoj kantis kaj deklamis esperantlingve kaj estis aplaŭditaj de la kampistaro, kiu multfoje kunekantis la rekantaĵon.

La Esperanta flago flirtis ĉiam sur la tendo de nia samideano P. Amye el Parizo.

---

## HONORIGO

— Korajn gratulojn al nia malnova kaj fidela samideano Bas, kiu estas nomita Komandoro en la Ordeno de la Krono.

---

## BELGA KRONIKO

— ANTVERPENO. — *Esperanto-Grupo « La Verda Stelo »*. — Dum la monato Julio, kaj krom amuza kaj diskutvesperoj, la gemembroj havis la okazon reaŭdi S-ron Faes, kiu paroladis tre lerte pri la malnova urbo kaj pli speciale pri la kvartalo de la « Lange Nieuwstraat » kaj la ĉirkaŭantaj stratoj. Atenta aŭskultantaro kaj bela sukceso.

Je la nacia Festotago, la 21an de Julio, okazis agrabla ekskurso al 's Gravenwezel, kiun partoprenis grava nombro de gemembroj, inter kiuj diversaj gejunuloj.

Dum la monato Aŭgusto, F-ino L. De Winter enkondukis diskutvesperon pri « Teatro kaj Filmo », dum kiu paroladis diversaj gemembroj kaj ankaŭ svedino kaj anglo, kiuj ĉeestis.

La aliaj vesperoj de tiu monato estis rezervataj al la mallonga rakontado de la libertempaj vojaĝoj, kaj multaj novaj kaj malnovaj samideanoj partoprenis tiun ĝeneralan pritrakton de eterne agrabla temo.

La 8an de Septembro, okazis la elekto de la nova direktanta komitato : S-ro Maur. Jaumotte restas prezidanto; S-roj De Ketelaere, Faes, Vermandere kaj Vermuyten, kiuj ne plus povas akcepti firman funkcion, sed kiuj estas ĉiam pretaj laŭvice kaj laŭbezone anstataŭi kaj helpi lin, estos, emerite, konsiderataj kiel honoraj, sed daŭre funkciantaj vicprezidantoj; S-ro H. Sielens daŭrigos la flegadon de la kaso kaj S-ro Jules Verstraeten anstataŭos S-ron Cattoir, eksiĝintan sekretarion. Krome, S-ro Balleux iĝos help-kasisto; F-ino Genia Toussaint, propagandestrino; F-ino Henriette Toussaint, festestrino; F-ino E. De Winter, prizorgantino de la prikursaj aferoj; S-ro Roger Jaumotte, junulara fakestro, dum S-ino Schoofs, S-ro Georges Vanden Bossche kaj kelkaj aliaj, kies listo estos definitive fiksata dum la januara ĝenerala kunsido, kompletigos la komitaton.

Samtempe estis decidate, ke la Prezidanto komencos novan elementan kurson lundon, la 2an de Oktobro, je la 20a h. en la lernejo, Belgiëlei, kaj perfektigan kurson vendredon, la 6an, je la 19.15 h. en « Witte Leeuw ».

En Septembro, ankoraŭ okazis pliaj kunvenoj kun prilibertempaj rakontoj de pluraj gemembroj kaj aliflanke amuza vespero, gvidata de S-ro Verstraeten.

La 2an de Oktobro, S-ro Jaumotte komencis novan elementan kurson por kiu enskribiĝis 43 gelernantoj, inter kiuj dudeko apartenantaj al la Kadeta Movado de la Ruĝa Kruco, kiu akceptis, antaŭ nelonge, ke la membroj esperantistaj portu, sur la uniformo, insignon kun la vorto « Esperanto » kaj kun la verda stelo.

La 6an de Oktobro, S-ro Lecat faris interesan kaj documentitan paroladon pri « Spiritismo », kiu ekigis viglan diskuton.

Post la bone sukcesinta Mitulvespermanĝo en « Rode Hoed » de la 13a, sekvis, la 20an, parolado de la Prezidanto pri sia vojaĝo al Danujo kaj Svedujo. Li speciale priskribis la vojon tra la norda parto de la lando, Nederlando, Germanjo kaj Danujo.

Parolata ĵurnalo kaj amuza vespero, — tiu ĉi lasta preparita de S-ro Verstraeten, — okazis la du sekvintajn vendredojn.

La 10an de Novembro, S-ro Van Eynde montris kolekton da filmoj, pri diversaj temoj kaj kiuj estis ĉiuj vere allogaj.

La 17an, oni kantis kaj amuziĝis ĉe diversaj ludoj; kaj la lastan vendredon de la monato okazis la diplomdisdono al la gelernintoj de S-ro Faes, nome al F-ino Henny De Ketelaere, kun specialaj gratuloj de la juĝantaro, al F-inoj Golda Leibovitche, Simonne Libert kaj Lucienne Willen, kaj al S-roj Liévin Brock kaj Paul Wils.

Estis S-ro Morris De Ketelaere, kiu gvidis la kunsidon kaj gratulis la profesoron kaj la gelernintojn. Siaflanke F-ino Hélène Hofkens enkondukis temon : « La diversaj vojaĝmanieroj », kiu estis pridiskutota kaj efektive de diversaj personoj pridskulata.

*Programo de la venontaj kunsidoj.* — Kunvenoj ĉiuvendrede, je la 20.30 en la salono (1a etaĝo) de « Witte Leeuw » (antaŭe de la 7.15 ĝis la 8.15: perfektiga kurso).

Vendredon, la 1an de Decembro, parolado de S-ro Roger Jaumotte pri « Henri Dunant ».

Sabaton, la 2an de Decembro, vizito al la Pulĉinela Kelo kaj al la Rocox-domo (kunveno je la 7.45 h. ĉe la statuo de la Havena Ŝarĝportisto, flanke de la Urbdomo).

Vendredon, la 8an de Decembro, Sankta Nikolaa Festo (detaloj en antaŭa kunsido).

Vendredon, la 15an de Decembro, Zamenhofvespero.

Sabaton, la 16an de Decembro, partopreno en la salono de la 2a etaĝo, al vespero organizota de la Esperanto-Komitato Intergrupa « EKI », kun parolado de nia nederlanda samideanino F-ino Tusveld, kiu vivis plurajn jarojn en Japanujo, kaj kiu pritraktos la temon « Impresoj pri Japanujo ».

Vendredon, la 22an de Decembro, S-ro Sielens faros unuan paroladon de serio pri la Esperanto-Literaturo (kun legadoj kaj deklamadoj).

Vendredon, la 29an de Decembro, Kristnaskfesto (detaloj en antaŭa kunsido).

Por la proksima jaro, jam estas antaŭvidataj, por la 5a de Januaro, parolado de F-ino Mathilde Hofkens, kaj por la sabato, 13a de Januaro, la Jara Festeno, al kiu ĉiuj eksterurbaj samideanoj estas kore invitataj.

— BRUSELA GRUPO. — La grupo efektiviġas regule la antaŭviditajn programojn, preskaŭ ĉiam tre interesajn kaj la ĉeestantoj estas sufiĉe nombraj.

Ni devas rimarkigi la kurson gvidatan de S-ino Ernst; ĝi tre bone funkcias, kun atentaj gelernantoj: post kelkaj lecionoj, ili kapablis sukcese partopreni al nia monata parolata gazeto.

Ekster niaj kutimaj kunvenoj, la 29an de Oktobro, ni vizitis la muzeon Charlier sub la gvidado de la konservisto mem, kiu ŝajnas interesiĝi pri Esperanto !

Kunvenoj regule, ĉiu lunde, je 20.30 h. Ejo : Brasserie Saint-Martin, place du Grand Sablon, 38, Grote Zavel.

*Programo de la estontaj kunvenoj.* — Decembro : la 4an, parolata ĵurnalo; la 11an, S-ro Castel, « Rabistaj rakontoj »; la 18an, Zamenhofa Vespero; la 25an, Kristnaska festo, ne okazos kunveno.

Januaro 1951 : la 1an, Novjaro, ne okazos kunveno; la 8an, parolata ĵurnalo; la 15an, S-ro Van der Stempel, « Artefaritaj havenoj »; la 22an, ĝenerala kunveno, raportoj, elekto de la nova komitato; la 29an, S-ino Lecat, « Sekreta Egiptujo ».

Februaro : la 5an, parolata ĵurnalo; la 12an, S-ro Castel, « Karnavalaj dolĉaĵoj »; la 19an, S-ro Loeckx, Kantvespero; la 26an, S-ro Sengel, Ludvespero.

Marto : la 5an, parolata ĵurnalo; la 12an, S-ino Sengel, « Astrologio »; la 19an, S-ino Elly Staes, « Orkestro kaj ĝiaj instrumentoj »; la 25an, Paskaj festoj, ne okazos kunveno.

— GENTA GRUPO inaŭguris novan sistemon de perletera lecionaro; oni rimarkis ke kiam oni metas en la manojn de la lernantoj lernolibron (Ruĝan Broŝuron aŭ alian), ili post du aŭ tri lecionoj ne plu donas signon de vivo; ili pensas ke ili povos lerni sen korespondado, kaj la libro... iras en la ŝrankon; la novulo, ne plu havante kontakton kun malnovuloj, estas perdita por la movado. G. G. sendas unuope lecionajn foliojn, al kiu estas aldonataj laŭtaj ekzercoj. Kiam lernanto informas ke la laboro de unu leciono estas farita, oni sendas al li la sekvantan folion kaj la ekzercojn, kune kun la korekta solvo de la antaŭaj ekzercoj. La lernanto povas peti pliajn klarigojn. La prezidanto estas la instruanto, F-ino J. Nachtergale bonvolis akcepti la taskon traduki la resumojn en la nederlandan lingvon. La prezidanto ricevas ankaŭ helpon de S-ino Vandevelde por plibonigo de tekstoj por ekzercoj.

— SPA. — Laŭ speciala permeso de la Ministerio pri Publika Instruado, Esperanto kurso okazos en la Ateneo. Ĉin gvidos nia fervora amiko S-ro Desonay. Ĝi okazos ĉiun mardon, de la 20a ĝis la 21a, komenca de la 21a de Novembro 1950. Ni gratulas nian pioniron en Spa kaj deziras al li grandan sukceson.

# KOTIZOJ 1951.

*Kiam tiu kajero eliros el la presejo la laboro en la Grupoj plene rekomenciĝos. Tre grava parto de tiu laboro estas la enkasigo de la kotizoj, necesaj por certigi la vivon de la Ligo.*

*La kasistino de R. B. L. E. faras alvokon al la grupaj kasistoj por ke ili jam nun komencu tiun laboron. La kotizoj restis senŝanĝaj (vidu la tabelon sur la lasta paĝo).*

*Por progresigi nian internacian movadon, ni petas niajn membrojn ke ili klopodu paŝi plian ŝtupon, aliĝante, se eble, kiel membro de la kategorio supera al tiu en kiu ili aliĝis dum la nuna jaro.*

*Ili bonvolu sin turni al la kasisto de sia grupo; la izoluloj pagu rekte al R. B. L. E., Bruselo (P. Ĉ. K. 1337.67).*

*Oni aldonu sur la poŝtĉekpagilo la NOMON, la ANTAŬNOMON, la PROFESION kaj la KOMPLETAN ADRESON.*

---

# NOVAJ RADIO-DISSENDOJ EN ESPERANTO

FRANCUJO. — De la 30a de Oktobro 1950, Radio-Lille elsendas, sur ondlongeco 234 m., ĉiulunde de 20.45 ĝis 21.00 h., kun potenco 100 kw. Ĝi do estas bone ricevebla en nia lando.

La programo konsistas el propaganda parto, en franca lingvo, kaj esperantlingva parto konsistanta el esperantistaj informoj ĝeneralaj, poste « Nia regiono » (Nordfrancujo, Belgujo, Nederlando, Sudbritujo). Aŭskultu tiujn dissendojn. Aŭskultigu ilin de viaj amikoj.

Sendu dankojn kaj informojn al André Labit, 94, rue de La Rochelle, Tourcoing (Nord), Francujo.

ITALUJO. — Radio Roma disaŭdigas ĉiudimanĉe kaj ĉiuvendrede dum 20 minutoj, je 17a h. (M. E. T.), per du mallongondaj stacioj, 19.5 m. kaj 31.1 m., paroladojn klerigajn, en Esperanto; ĝi petas ke samideanoj sendu rimarkojn, proponojn kaj gratulojn. Adreso : 56, via Veneto, Roma.

NEDERLANDO. — Ni estas informitaj pri la sekvantaj dissendoj :

Lunde (nur dusemajne, 11-12-1950 k.t.p.) : 23.15-23.20, Hilversum II, 298 m., informoj en Esperanto.

Vendrede, 15-12-1950 : 18.15-18.30, Hilversum I, 402 m., « La tago de la libro ».

Sabate : 13.15-23.20, Hilversum I, 402 m., informoj.

Aŭskultu kaj skribu al la stacioj !

---

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

*Poŝtĉekkonto 1337-67, Bruselo.*

## TARIFO DE LIBROJ KAJ PROPAGANDILOJ

*Esperanto, langue auxiliaire internationale*, lernolibro de Edmond Privat ... fr. 15.—

*La Mortado*, parolado de Prof. D-ro Hermann Nothnaegel, tradukita de Bernhard Seltzer ... 15.—

*Bonhumoro*, de Paul Nysens, laŭ lia franclingva libro ... 33.—

*Komercaj leteroj*, de C. A. Pruissen ... 14.—

*Interlingvistiko kaj Esperantologio*, de W. Manders ... 30.—

*Invito al ĉielo*, de James Sayers ... 110.—

*Medicina Vortaro*, de Briquet ... 100.—

*Esperanto langue des Nations Unies*, 100 ekz. ... 10.—
10 ekz. ... 1.50

*Esperanto en un coup d'œil*, 100 ekz. ... 25.—

*Esperanto in een oogslag*, 100 ekz. ... 25.—

*Essor de l'Esperanto* (franclingva), 4paĝa grand-formata gazeto, n-ro 4, po ekz. ... 2.—

Restas ankoraŭ kelkaj numeroj 1 kaj 3.

Abono al *Franca Esperantisto*, po jare ... 50.—

*Feuillets encyclopédiques de documentation espérantiste*

Ni altiras la atenton de niaj legantoj pri tiu tre interesa publikaĵo. Ĝi aperas regule; ĉiu kajero aldoniĝas al la antaŭaj por formi dokumentaron nepre necesan al ĉiu kiu interesiĝas pri nia movado kaj volas ĝin propagandi kun celtrafaj argumentoj.

La enciklopedio estas franclingva. Jam aperis 11 kajeroj. La nuna prezo estas 330 b. fr.

Oni povas mendi la enciklopedion ĉe Belga Ligo Esperantista, poŝtĉekkonto 1337.67.

## 15 DECEMBRO - ZAMENHOFTAGO - ESPERANTO-LIBROTAGO

Originala Verkaro de D-ro ZAMENHOF, lukse bindita ... ... ... fr. 152,—
Fundamenta Krestomatio... ... 80,—
ISBRUECKER : Historio kaj Organizo de la Esperanto-movado ... ... 17,—
PRIVAT : Historio de Esperanto, du volumoj, kartonitaj, kune ... ... 54,—

Ankaŭ ĉiujn aliajn Esperanto-eldonaĵojn oni povas mendi ĉe **Belga Esperanto-Instituto, 26, Oostenstraat, Antverpeno.**

Pagu la sumon al poŝtĉekkonto 1689.58 kaj indiku la objekton de la mendo sur la dosflanko de via pagilo.

Belga Esperanto-Instituto akceptas abonojn al eksterlandaj Esperanto-gazetoj.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

ASOCIO SEN PROFITA CELO

*Prezidanto* : D-ro P. KEMPENEERS, 19, avenuo Montjoie, Bruselo.
*Vic-Prezidantoj* : S-ro M. JAUMOTTE, 44, avenuo De Bruyn, Wilrijck-Antwerpen.
S-ro A. TASSIN, 1, rue Saint-Joseph, La Louvière.
*Ĝenerala Sekretario* : S-ro Cl. VANDEVELDE, 178, Peter Benoitlaan, Merelbeke.
*Sekretario* : S-ro J. VERDIER, 78, avenue Marie-José, Woluwe-Saint-Lambert-Bruselo.
*Kasistino* : S-ino J. PLYSON, 185, rue Jourdan, Saint-Gilles-Bruselo.

## KOMBINATAJ KOTIZOJ

## Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj Universala Esperanto Asocio

I. *Simpla membreco* (enhavas membrecon al la loka Grupo — se ekzistas — al la Ligo kaj al la internacia organizaĵo; rajtigas ricevi la nacian gazeton « Belga Esperantisto » kaj la internacian kuponaron por servoj) ... fr. 80
*Familia membro* (same, escepte la gazeton) ... 40

II. *Membreco kun individua aliĝo* al la internacia organizaĵo :
a) *Membro kun Jarlibro* :
kiel simpla membro; ricevos krome la Jarlibron kaj ĝian aldonon ... 115
b) *Membro Abonanto* :
kiel membro kun Jarlibro; ricevas krome la monatan internacian gazeton « Esperanto »... 170
c) *Membro Subtenanto* :
kiel membro-abonanto; pagas pli altan kotizon por helpi la movadon ... ... 300

III. *Bonfaranta Membro* memvole aldonas almenaŭ 25 fr. al sia kotizo, speciale por helpi al R. B. L. E.

Pagu al via loka grupo; se ne ekzistas, al poŝtĉekkonto 1337.67 de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

Imp. LIELENS, S. P. R. L., 18, rue de la Princesse, Bruxelles. — Téléphone 21.10.98